**La LAMPIRO**

51-A JARO N-RO 128 2010

*Oficiala Organo de EASP (Esperanto-Asocio de San-Paŭlo)*

*Kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo, senpaga por membroj de EASP*

**REDAKTANTO:**
José Roberto Tenório
lampiro@easp.org.br

**REVIZIANTO:**
José Dias Pinto

**KOMPOSTADO KAJ GRAFIKARANĜO:**
José Roberto Tenório

**Abono por 2011** (tri n-roj): R$ 20,00
Unuopa ekzemplero: R$ 10,00

*La Redakcio ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*



# Enhavo



**KOVRILBILDO**

José Dias Pinto, intervjuato en la novembra kulturkunveno de EASP.

*Foto: Osmar da Silva Alves*

# Novjara saluto

Karaj legantoj,

Ne miru ke mi salutas vin novjare kaj surkovrile ankoraŭ dumildekas. Tio okazis ĉar tiu ĉi numero de LL, la lasta de la jaro, devus aperi decembre kaj ne januare. Pluan fojon ni pardonpetas pro la malfruo.

De multaj jaroj la revuo ne aperigas intervjuon. Por rompi tiun faston, ni invitis la asocianon José Dias Pinto, kiu interalie adoptis Esperanton kiel hejman lingvon kaj en pluraj okazoj uzis ĝin ankaŭ por profesiaj celoj.

Li ne nur akceptis respondi la paperan demandaron, sed ankaŭ regalis la ĉeestantojn de la novembra kulturkunveno per parola intervjuo, jam spektebla per la nova retkanalo Viva Gazeto de EASP ĉe la adreso <http://www.youtube.com/user/Vivagazeto>.

Agrablan legadon kaj ĝis la sekva n-ro de LL!

## *Kongresa sciigo*

*Laŭ informo de la LKK de la venontjara triobla esperantaranĝo, la kotizoj por ne-membroj de BEL malaltiĝis de R$ 200,00 al R$ 130,00. La LKK informis ankaŭ, ke la decembra limdato por la favoraj kotizoj plilongiĝos ĝis marto 2011. Por pliaj informoj bonvolu viziti la kongresan retejon ĉe la adreso <www.kongreso2011.org> aŭ kontaktu nin per telefono aŭ per poŝto.*

*"Estas tamen vere ke nur malmultaj bone regas la lingvon (...). Sed por mi ne gravas kiom da homoj parolas Esperanton, gravas kiaj homoj ĝin parolas."*

Mathias Dalmose (Danio)



Fonto: http://www.oomoto.or.jp/Esperanto/eoGast/mathias01.html

# *Intervjuo*

# José Dias Pinto







Fotoj: Osmar Silva Alves

Multaj esperantistoj diskonigas ke la lingvo estas facile lernebla, ke per ĝi oni povas kleriĝi kaj amikiĝi tutmonde. Malmultaj tamen aliigas tiun reklamon en praktikon. La invitito por la novembra kulturkunveno de EASP, per flua kaj interesa parolado, montris al la ĉeestantoj ke indas strebi al regado de Esperanto por ĝui novan pesmanieron cele al tutmonda kulturo de paco. Tiu ĉi presita teksto estas resumo, ne transkribo, de la parola intervjuo. La parola materialo konsistas el ĉirkaŭ du-hora filmado, kies fina eldono rezultigis 4 filmetojn (entute 42 minutoj) spekteblajn ĉe http://www.youtube.com/user/Vivagazeto .

***Laŭ diro de Julio Baghy, esperantistiĝo estas destino, misio sopiro al pli bona mondo. Ĉu vi sentis ion tian okaze de via alveno en Brazilon en 1951?***

Kiam, kvar jarojn antaŭ ol mi venis en Brazilon, mi eksciis ion pri Esperanto kaj esperantismo jam tiam mi sentis, ke tio estas vojo al pli bona mondo. Al tiu sento ne estis fremda la fakto, ke nur antaŭ du jaroj estis finiĝinta la lasta mondmilito. Ne estis esperantistoj en mia provinca urbeto kaj la unuaj konversacioj kiujn mi partoprenis estis kun amikoj, al kiuj mi instruis Esperanton. La unuaj homoj kiujn mi aŭdis paroli fluan Esperanton estis radioparolantoj de pariza radio. Kaj mia bapto en relative flua uzado de la lingvo – vidalvide kun la kunparolantoj – okazis dum vizito al Lisbono, nur tri monatojn post kiam mi ekstudis la lingvon. Plifortiĝis tiu sento pri la

indo de la afero. Tamen baldaŭ poste, ĉia propagando kaj kursoj de Esperanto estis malpermesataj. Oni ne povis publikigi ion ajn en la lingvo kaj eĉ tradukojn el ĝi. La fakto, ke diktaturo opiniis Esperanton malamika faris ĝin al mi pli alloga. Sed miaj veraj konversaciaj sesioj okazis fakte nur post mia alveno al Brazilo. Kaj por la unua fojo mi troviĝis en esperanta medio, en la tiama Esperanto-klubo de Sanpaŭlo. Tio ja estis mia lingvomedia kvazaŭ plivarmiga rebapto, kaj mia plia konvinkiĝo, ke mi aliĝis al grandioza ideo.

***Plej multaj esperantistoj mem lernis la lingvon, pli ofte per rudimenta lernilo. Vi certe ne estas escepto al tiu regulo. Kio plej mirigis vin rilate la lernadon de la lingvo?***

Mi ja memlernis la lingvon, per la brazila lernolibro Esperanto sem Mestre. Ĝi estis por mi la plej adekvata lernilo, se taksi laŭ la tempo kiun mi bezonis por ne tre mallerte, sed baze, duonregi la lingvon. Ĉarmis min ĝiaj relativaj simpleco kaj logikeco. Ĉe la mezo de la libro mi konsideris min kapabla instrui tiun malmulton, kiun mi jam sciis. Mi ekkonstatis tiam, ke tiuj simpleco kaj logikeco estas konstateblaj ne de ĉiu. Sed tiu instruado helpis ankaŭ min mem en la esplorado de la lingvo. Ĉe la instruado oni pli facile detektas breĉojn en sia propra scio.

***Kelkaj homoj estas allogataj de Esperanto kaj aliaj de ties movado. Por la unuaj, Esperanto estas praktika kaj valora komunikilo uzinda ĉie, prefere ekster ia movado; por la lastaj, Esperanto estas pli ol lingvo, kio pravigas la movadon por diskonigi ĝian internan mesaĝon. Por vi, ĉu Esperanto estas durela (lingva kaj movada) aŭ unurela vehiklo?***

Interesa ekzemplo de homo veninta al Esperanto pro nurlingva altiro estas la kreinto kaj ĉiofara redaktisto de La Lampiro – Darcy Pedroso Machado Gaia. Envere nura scivolemo pelis lin al la eklernado de Esperanto. Pro la sama sento li jam antaŭe estis eklerninta la tupian kaj la japanan. Tiujn li baldaŭ forlasis, sed Esperanton li ellernis kaj por ĝi multe laboris, almenaŭ ĝis kiam li translokiĝis al Braziljo, por labori kiel stenografiisto por la parlamento. Allogis lin la scivolemo kaj lin retenis la lingvo kaj la kuntrenata idealo. Mi kredas, ke la nurlingva aspekto de Esperanto altirus kaj ĉefe retenus multe malpli da homoj.







Mi mem ne estus eklerninta ĝin. Sed la altiro de la lingvo mem, laŭgrade kiel mi lernis ĝin, kontribuis al tiu forta sento kiu ligis min al esperantismo kaj Esperanto.

***Via esperanta biblioteko estas atesto pri praktika uzo de la lingvo en la ĉiutago. Kiu(j) legaĵo(j) aŭ travivaĵo(j) signife kontribuis al la plifirmigo de via ligiteco al Esperanto kaj kompreno pri ĝia valoro?***

Kiel mi diris komence, esperantismo varbis min kaj la lingvo min ĉarmis. Prudentuloj dirus, ke ĝi min delogis. Firmigis tiun korligitecon ĉefe la legado de la Zamenhofa verkaro kaj lia biografio aŭtorita de Edmond Privat. Juneco kaj idealismo plej ofte kunvivas kaj mi – probable iom naive – pensis, ke ankaŭ mi povas porti brikon al la konstruado de pli bona mondo kaj pacama homaro. Sekviĝis multe da libroj kaj periodaĵoj en tiu nutra laboro. Ankaŭ pro ili Esperanto fariĝis mia hejma lingvo. Kompreneble ankaŭ la amikaj rilatoj kun brazilaj kaj alilandaj esperantistoj plifortigis tiun fidon je la valoro de Esperanto.

***Ĉiutaga lingvo registriĝas interalie per gazetoj, revuoj kaj radiprogramaj elsendoj . El via multjara abonado, kiu(j)n esperanta(j)n periodaĵo(j)n vi konsideras enhave kaj lingve leginda(j)?***

Inter la ne plu vivantaj, kiujn mi iliatempe abonis estas Norda Prismo, La Nica Literatura Revuo kaj Fonto. Inter la nun abonataj estas Literatura Foiro, La Gazeto, Monato, La Ondo de Esperanto kaj Femina. Kompreneble ankaŭ la organoj de UEA Esperanto kaj Kontakto.

***Esperanton vi uzis movade kaj plu uzas hejme. Plej multaj esperantistoj tamen ne scias, ke ĝin vi uzis ankaŭ por profesiaj celoj. Ĉu vi bonvolos iom rakonti pri tiu sperto?***

Mi ja plurfoje uzis Esperanton por profesiaj celoj. En du okazoj por ricevi helpon por la solvo de problemoj kun maŝinoj de la fabriko. Temis pri maŝinoj akiritaj post uzado, fare de alia firmao kiu foriris de la merkato. Sur la maŝinoj estis etiketoj kun la adresoj de la fabrikintoj, unu hungara kaj la alia itala. Mi sendis al ambaŭ leterojn en la portugala kaj Esperanto. La solvojn ambaŭ prezentis – la hungaroj en la hispana kaj la italoj en Esperanto.

Tio estis mia debuto sur tiu kampo.

Post jardekoj mi plurokaze uzis Esperanton helpe al profesiaj taskoj. Mi kelkfoje devis viziti fabrikojn de aŭtopecoj en Italio, germanio kaj Usono. En Italio mi povis solvi miajn problemojn pri komunikado sen interpretistoj. En germanio kaj Usono la afero estis pli malfacila. Mia scio pri la angla estis ja apenaŭ sufiĉa por solvi miajn turistajn problemojn. Mi decidis uzi Esperanton. En Germanio nur en la komenco de dusemajna vizito. Mi devis rezigni pri Esperanto ĉar la prezidento de la firmao renkontis min en Germanio – kaj li

parolis la germanan kaj akompanis min. En Usono Esperanto estis trifoje – en du fojoj por dusemajna kaj en alia por unusemajna restado – mia pontolingvo. Kaj tiun rolon ĝi plenumis bonege. Mi kontraktis ĉiufoje la tiaman respondeculon pri la Terminologia Centro, Rudiger Eiholtz, germano tiam loĝanta en Kanado, por akompani min dum miaj vizitoj. Kaj la afero funkciis bone ankaŭ sub la vidpunkto de informado pri Esperanto, kiun ni faris en la plej adekvata maniero: uzante ĝin por praktikaj celoj. La unua sperto tia okazis kiam nin akceptis respondeculo pri publikaj internaciaj rilatoj de Ford, en Detroit. Dum lia sekretariino prizorgis la aranĝon de vizitoj al kelke da fabrikoj en pluraj usonaj ŝtatoj kaj Kanado ni konversaciis kun li. Post plurminuta konversacio tiu ĉefoficisto diris, ke li parolas la hispanan, sed komprenas eĉ ne unu vorton en la portugala. Tiam la interpretisto informis lin, ke ni ne parolas la portugalan kaj sagace lasis, ke li demandu pri la uzata. Rudiger, sen la ĉe esperantistoj kutima fervoro, parolis sobre kaj saĝe pri la lingvo. La viro montris surprizon kaj scivoleman intereson. Rudiger prudente donis la petitajn informojn kaj ni sentis, ke ni kreis ĉe li bonan bildon pri Esperanto kaj esperantistoj. Io simila okazis ankaŭ dum la aliaj vizitoj, en tiu kaj en la postaj jaroj. La interpretisto ĉiam kondutis en maniero venigi la deziratan demandon. Kiam ĝi ne venis, li lerte aranĝis manieron nature enkonduki la temon. Danke al tio multaj homoj neniam antaŭe aŭdintaj pri Esperanto ekhavis pri ĝi kaj ni simpatian bildon.

***Kiel vi sentas kaj komprenas la neŭtralecon de Esperanto?***

Esperanto estas lingvo kiu devas esti al ĉiuj disponebla kaj uzinda por ĉiuj homaj celoj, ideologiaj, praktikaj, kulturaj aŭ profesiaj. Esperantismo kun ĝiaj konotacioj pri homaranismo kaj la "interna ideo" estas ideologio kiu uzas Esperanton sed ne estas ĝia proprietulo. Zamenhof mem rezignis pri la proprieteco de "sia" lingvo, ĝuste por tio, ke ĝi estu nenies proprieto. En tiu senco ĝi estas neŭtrala. De la aperotempo kaj iama prospero de SAT oni enkondukis la esprimojn "poresperanta" kaj "peresperanta" agadoj. La puristaj esperantistoj subtakse, rigardis la peresperantulojn kaj ĉi tiuj same subvalorige rigardis la aliajn. Egale malsaĝe agas la nuntempaj tiel nomataj respektive "raŭmistoj"kaj "finvenkistoj", kiuj tamen, ĉiu siamaniere, brave laboras por Esperanto . La cititaj puristoj fojfoje eĉ malestime rigardis tiujn kiuj provis kaj sukcesis iom perlabori per Esperanto. Ili ne konscias pri tio, kiel dezirinde estas, ke multaj ideologioj, komercaj kaj industriaj grupoj, kaj kulturaj organizaĵoj uzu Esperanton por varbi, vendi, fabriki kaj instrui. Helpe al tiu celo valoras la penon amike kaj engaĝe kunlabori. Jam plurfoje oni proponis ligi Esperanton al iu vaste akceptata ideologio, kiaj estas ekzemple homaj rajtoj kaj mediprotektado. Sed eĉ tiun mi ne opinias la plej bona vojo por povi vaste akceptigi Esperanton. Pli bonaj ol tiu provo estus unue klopodi persvadi la luktantojn por homaj rajtoj kaj la mediprotektantojn uzi ankaŭ Esperanton en sia laboro, kaj due krei

esperantajn organizaĵojn por batali por tiuj ideoj pere de nia lingvo.

***Per Esperanto oni strebas al plibona mondo. Ĉu Esperanto helpis al vi fariĝi plibona homo?***

Esperanto, per si mem, ne faras el malbonulo bonan homon. Sed la engaĝo en iu ideo -- por kiu oni anticipe sentas simpation -- portas efektojn. Ĝi ne transformas ksenofobon aŭ fanatikan naciiston en defendanton de la homaj rajtoj -- sed ĝi certe proksimigas kaj pli intimigas onin kun ĝiaj valoroj kaj portas nin al tio, ke io intuicie sentita iĝas praktike sentata. Ĝi povas doni raciajn kialigojn por pli kompreneme rigardi alies kulturojn, morojn, vivmanierojn, vivkonceptojn. En tiu senco ĝi ja kontribuis al mia pli konscia akceptemo de la homaj diferencoj. Mi diru tamen ke, kun la lernado de Esperanto, mi pli kaj pli enamiĝis al la lingvo – sendepende de homaranaj kromnocioj.

***Iam vi skribis que "Ni esperantistoj, silente, tradicieme, konservative laboras en nia propra formikejo, ekster la granda brua mondo, kiu nin ne ĝenas kaj kiu ne ĝenas nian trankvilan kunvivadon en nia familia rondo". Ŝajne nia pli ol centjara trankvila kunvivado pli kaj pli estas perturbata de la interreto, kiu rapide plivastigas nian formikejon, flankenŝovas tradiciemon kaj instigas la batalantojn plu labori pace, sed ne tiel silentaj. Kion vi antaŭvidas por niaj tradiciaj formikejoj? Kaj plie, ĝis kia grado tradicio, konservemo kaj progresemo povas edife kunvivi kaj kunevolui?***

Mi pensas, ke, se esperantistoj ignorus la reton, la movado ŝrumpus ankaŭ en la tradiciaj komunikrimedoj aŭ iĝus pli sekteca.

Bonŝance por ni multaj esperantistoj – eĉ tiuj kiuj malmulte agas en la aliaj komunikiloj aŭ ĉeestas aranĝojn -- uzas tiun oportunan instrumenton. Ĉeestaj kursoj de Esperanto kaj presataj periodaĵoj povos kunvivi kun la novaj teknologioj, sed certe la intereso por ili estos ĉiufoje pli malgranda, ĉar ili estas malpli oportunaj kaj postulas pli da energio, tempo kaj mono. Se Esperanto iĝos amasa movado, certe tion oni ne ŝuldos al la tradiciaj rimedoj. La junuloj – kaj ili decidos pri nia estonteco – estas pli kaj pli engaĝitaj en virtualaj aranĝoj, eĉ virtuala vivo, kaj ne ŝajnas, ke ili atribuos al niaj kutimaj manieroj rilatiĝi, interagi, komunikiĝi, lerni, informiĝi la saman valoron, kiun ni ankoraŭ atribuas al ili. Tamen povas esti, ke la tradiciaj rimedoj nur iom post iom cedos spacon al la nova teknologia generacio. Kaj eblas ankaŭ, ke la novaj helpos la malnovajn per rapide dissemataj priaj informoj, rekomendoj, recenzoj, propagando. La esperantistoj kiuj intense uzas Interreton sekvas la saman vojon kiun uzas tiom da aliaj homoj, ĉar ankaŭ ili komprenas kaj alte taksas ĝian potencialon ankaŭ por la diskonigo kaj varbado.



# El la biblia esprimtrezoro

**Floriano Pessoa**
*februare 2010*

La aŭtoro de Esperanto opiniis tre grava la fakton, ke nia lingvo posedas bonan tradukon de la Biblio. En la antaŭparolo al la Genezo, li skribis:"Por la plimulto de la nuntempaj kulturaj lingvoj, la Biblio estis la ĉefa bazo, sur kiu la lingvoj literaturiĝis kaj disvolviĝis; tial ankaŭ por nia lingvo sendube estas tre grave, se ĝi posedos en si, en plena tuteco, tiun bazon kun ĝiaj multaj vortoj kaj esprimoj, kiuj fariĝis elementa necesaĵo por ĉiu nuntempa kultura lingvo."

Efektive, per atenta legado de la biblia teksto, oni povas kolekti amason da esprimoj, necesaj por la ĉiutaga vivo, aŭ utilaj por scienco kaj beletro. En ĉi tiu artikolo ni vidos kelkajn ekzemplojn, Esperante kaj en la portugala.

— Korfavoru min.

— *Tem misericórdia de mim.*

— Vi pereigas ĉiujn kiuj parolas malveron.

— *Destróis aqueles que proferem a mentira.*

— Kiel per ŝildo vi ĉirkaŭdefendas lin per favoro.

— *Tu o circundas do teu favor, como de um escudo.*

— Ne en via kolero min riproĉu, kaj ne en via furiozo min punu.

— *Não me repreendas na tua ira, nem me castigues no teu furor.*

— Ĉiun nokton mi priverŝas mian liton; per miaj larmoj mi malsekigas mian kuŝejon.

— *Toda noite faço nadar em lágrimas a minha cama. Inundo com elas o meu leito.*

— Stariĝu em via kolero,leviĝu super la furiozon de miaj premantoj.

— *Ergue-te na tua ira, levanta-te contra o furor dos meus inimigos.*

— Por scii saĝon kaj moralinstruon.

— *Para se conhecer a sabedoria e a instrução.*

— Por kompreni parolojn de prudento.

— *Para se entenderem as palavras de inteligência.*

— Li gardas la iradon de la justo.

— *guardando-lhe as veredas da justiça.*

— Tiam vi komprenos la timon antaŭ la Eternulo kaj akiros la konadon pri Dio;

— *Então entenderás o temor do Senhor e acharás o conhecimento de Deus.*

La leganto bonvolu rimarki, ke per la analizo de tiuj nuraj dek frazoj el la Psalmaro kaj el la Sentencoj de Salomono, oni povas iom lerni pri kelkaj temoj de la Esperanta gramatiko, ekzemple: uzo de kunmetaĵoj, kontraste kun novaj radikoj (korfavoro/mizerikordo); paroli kaj diri: diferencoj en la uzado; prepozicioj kiel prefiksoj (ĉirkaŭdefendi, priverŝi); lokigo de la vorto NE en la frazo; akuzativo kun SUPER; parolo kaj vorto: kiam sinonimoj?; la ĝusta uzado de prepozicioj en Esperanto (temor DO Senhor = timo ANTAŬ la Eternulo).

Mi deziras pluan progreson!






**Vastaj Emocioj kaj Neperfektaj Pensoj,** de Rubem Fonseca - Eld. Moskvo, 2010, 303 paĝoj, 20 cm. El la portugala tradukis Rogério Ferreira.

La ĉefa figuro kaj rakontanto de ĉi tiu romano de la brazila verkisto Rubem Fonseca estas reĝisoro, kiu enretiĝas en implikon pri murdo kaj altvaloraj ŝtonoj, samtempe kiam li provas transformi en scenaron por filmo unu el la plej senegalaj verkoj de la rusa literaturo, la "Ruĝa Kavalerio", de Isaak Babel.

Realaĵo kaj fikcio, dormo kaj maldormo kunfandiĝas en intrigan historion, kies fono estas la kinarto.

**Baldaŭ ĉe EASP!**

# Projekciologio



**Márcia de Castro**
*Praia Grande/SP*

*La projekciulino Márcia de Castro estas aŭtoro de du libroj pri la temo: Mi Eksterkorpe (2006) kaj Mi Estas Spirito (2008), per kiuj ŝi rakontas pri siaj spertoj, dum dormo, en alia vivo-dimensio. Laŭ la aŭtorino, la plej komuna nomo por tiu fenomeno estas "astrala vojaĝo", ĉefe ĉe spiritualistoj kaj esoteristoj. Ŝi do preferis uzi la pli sciencan esprimon "projekciologio" por ke ŝiaj libroj estu legataj ne nur de iu aparta grupo.*




**Projekciologio** estas branĉo de la scienco Konsciologio, kiu studas la energiajn projekciojn de la konscio kaj la projekciojn de la propra konscio eksterkorpe. tio estas, la agoj de la konscio for de la limiga fizika kondiĉo de la cerbo kaj de la biologia korpo. Krom la eksterkorpa eksperimento, projekciologio esploras dekojn da interrespondaj fenomenoj kiel: duobla vidado, ŝajna morto, somnambulismo, ekstazo, telepatio kaj aliaj. Projekciologio estas la praktika studo de la Konscio.

Nia konscio manifestiĝas pere de diversaj korpoj. La materio havas plurajn gradojn de denseco. La homa korpo estas la plej densa. Ĉiuj korpoj por manifestado estas inter si konektitaj, grupigitaj, tiel ke ili ŝajnas unu sola. Ĉiuj korpoj estas kuplitaj en ĝusta koincido. Dum dormo aŭ dum fizika malstreĉo, jen la korpoj iom nekoincidas. Tiel, la konscio projekcias ekster la densa korpo kaj agas per la plej subtila korpo. La fizika korpo plu dormas, senmova, malplena sen konscio. Ĝi restas subtenata de aŭtonomaj funkcioj. Dum tio, ni povas agi libere en aliaj dimensioj.

Malgraŭ tiu ke eksterkorpa eksperimento estas konata dum miljaroj, Projekciologio estas fako nova, kun oficiala propono kiel scienco en 1981 per publikigo de la libro: *"Projeções da Consciência"*, de la aŭtoro d-ro Waldo Vieira. En 1986, Waldo Vieira publikigis la frukton de 19 jaroj da esploroj: *"Traktato de Projekciologio"* - Panoramo de la Eksperimentoj de la Konscio Ekster la Homa Korpo, aŭtora eldono. La 4ª eldono estis aktualigita kun la enhavo de 1.232 paĝoj kaj bibliografio de 2040 verkoj. Tiu libro estas konsiderata internacia referenco pri la studo de la konscia projekcio.

De nia naskiĝo sur la tero ni estas akompanataj de nia protektanto. Tiu spirito-gvidanto, ankaŭ nomata gardanĝelo, konas nin ĝisfunde, sed ne zorgas pri ĉio; li povas enkonduki nin al la zorgo de aliaj Spiritoj, bonfaraj instruistoj.

La elkarniĝinto povas influi la menson de homo kiu estas enkorpe aŭ eksterkorpe, sed ankaŭ la homo povas influi la menson de elkarniĝinto; la spirito gvidanto povas uzi la energiojn de Projekciulo por helpi

suferanton. La situacio dependas de la penso kaj sento de la projekciulo.

Preskaŭ ĉiam niaj projekcioj okazas spontanee, dum dormo aŭ simpla kapbalanco pro dormemo. Dum kelkaj minutoj, ni eksterkorpe povas fari multon, ĉar en alia dimensio la tempodaŭro ne estas la sama.

Ĉiuj homoj kapablas spontanee projekcii eksterkorpe, tamen multaj ne havas konscion pri tio. Oni pensas ke tiu projekcio ne ekzistas, ĉar oni ne ĝin rememoras klare. Post la Esperanto-kongreso de Campinas, kie okazis la lanĉo de *Mi Eksterkorpe*, mi ricevis kelkajn leterojn. Inter ili mi ricevis leteron, kiu konfirmas mian ideon, ke: por faciligi la konscion unue oni bezonas scii pri tiu ebleco eliri el la korpo. Kaj aŭdi, legi, dialogi pri tiu afero konsciigas nin eksterkorpe.

Kiam la homo dormas, nur la korpo dormas. Mi-Spirito, kiu pensas kaj sentas, ne bezonas dormi. Dum dormo, la korpo ripozigas sian organisman laboron, por subteno de la vivo, kaj la Mi-Spirito projekcias eksterkorpe konscie aŭ ne.

Post horoj, la Mi-Spirito returnas al la korpo, vekiĝas, sed fakte Mi-Spirito vekas mian korpon. Mi povas havi la rememoron pri tio, kion mi travivis dum mi restis en tiu alia dimensio de la Vivo, nevidebla de la homoj.

En la komenco de la konsciiĝo, se vi vidas vian korpon sur lito, vi ektimas kaj pensas ke vi mortis. Ni povas diri ke, kiam vi agas en tiu ĉi materia sfero, vi estas nomata homo, sed kiam vi agas en alia etereca sfero de la vivo, vi estas nomata Spirito. Ĉiuj ni tie ĉi estas Spiritoj, envolvitaj de karno, ĉar nur per tiu materia korpo ni sukcesas agi sur tiu ĉi materia dimensio. Ni estas Spiritoj kiuj nun posedas korpon. La korpo havas la ŝajnon de nia spirita korpo. La spirita korpo estas la matrico pli delikata kaj malpeza.

Tiu korpo de la Spirito, nomata perispirito, havas aliajn nomojn kiel astrala korpo, psika korpo, konscia korpo ktp. Pli simple, sufiĉas diri: korpo de la Spirito.

La spirita korpo estas ligita al la organisma korpo per fluida vigleca ligilo kiu subtenas la vivon de la korpo, pro tio ni ne mortas kiam ni forestas de la karno. Tiu ligilo estas fleksebla, elasta. Mi povas iri tre treege distance, laŭ mia volo, kaj ankaŭ laŭ permeso de superaj Spiritoj. Kiam ni ne havas tiun permeson de la Alteco, tiu fluida ligilo puŝas nin returne al la korpo. Tiu ligilo estas nomata arĝenta ŝnuro, aŭ fluida ŝnuro

Kompreneble, multaj homoj kiuj ne scias pri tiu temo diras, ke la eksterkorpa projekcio estas danĝera kaj ke la arĝenta **ŝnuro** rompiĝos dum la eksperimento, aŭ eĉ povas esti "tranĉita" de infera elkarniĝinta Spirito. Tio ne veras! La arĝenta ligilo ne povas esti tranĉita, pro simpla kialo: **ĝi ne estas ŝnuro! Ĝi estas energio. Nur specialaj Spiritoj havas la taskon malligi ĝin post la morto de la korpo".**

La korpo mortas kiam la Spirito ne plu agas pere de ĝi, kiam la korpo ne povas plu esti utila. Se ĝi mortas, kompreneble ĝi putriĝas kaj la materiaj elementoj reintegriĝas al la Naturo. Ni estas Spiritoj eternaj, nemorteblaj. Ni povas vivi en alia dimensio, reenkarniĝi sur la tero en alia oportuno. Menciinda estas, ke Reenkarniĝo estas Leĝo de la Naturo, estas la revelacio plej antikva, kiun la surtera homo konas.

Multaj homoj, ĝuste kiam ili komencas dormi, havas la senton gliti aŭ fali en **truon**. Tio okazas pro malgranda ne-koincido de la astrala korpo interne de la fizika korpo. VIBRADO - Povas okazi intensa vibrado kiu envolvas ambaŭ korpojn kaj kaŭzas zumon aŭ akran bruon en la cerbo, sed tio estas rapida. Tiu vibrado estas tute sendanĝera kaj necesa por apartigi la korpojn.

Multaj projekciuloj memoras la senton trapasi tunelon el lumo aŭ tra eksterfizika aperturo kiu enkondukis ilin al diversaj lokoj en tiu alia dimensio. Ordinare, oni timas tion, kion oni ne konas. Se vi konas, vi kuŝas sur la lito trankvile, preĝas kaj atendas signojn de disfaldo de via korpo. La materio ne estas baro. Vi povas antaŭ ol dormi, ŝlosi la pordon de via dormoĉambro, sed vi povas foriri de la ĉambro projekciita eksterkorpe.



Projekcii ekster la korpo estas natura kapablo de la homo. Se vi havas la rememoron pri sonĝo, klara, kolora, logika, instrua, kiu tuŝas vian senton, vi projekciis konscie! Se la rememoro estas nekompleta, konfuza restas kiel nekonscia projekcio.

Ordinare, dum projekcio, la mensoklareco estas pli granda ol enkorpe. Kelkaj homoj vekiĝas enkorpe kun klara rememoro pri eksterkorpa eksperimento, sed forgesas rapide, pro tio estas interesa studo alnoti ĉiun eksperimenton tuj post la vekiĝo. Tiuj **alnotaĵoj** forte kontribuas por ke oni ne perdu la konon kaj senton de ĉiu momento. Se mi ne alnotas mian konscian eksperimenton, tuj ĝi disfumiĝas kaj mi ne plu rememoros.

Ankaŭ per pluraj esploroj, oni jam trovis la diferencojn inter projekcio kaj halucinacio kaj ceteraj psikaj malordoj.

En tiu dimensio, nevidebla al la homoj, Mi-Spirito povas sperti interesan travivon: Konatiĝi kun aliaj projekciuloj, konversacii kun korespondа amiko, renkonti amatajn personojn, komunikiĝi kun mia individua mentoro, lerni kaj servi. Ni trovas simpatiantajn Spiritojn kiuj alligiĝas al ni pro ia simileco de gustoj kaj de inklinoj. Ili estas bonaj aŭ malbonaj, laŭ la naturo de niaj inklinoj.

Konkludo: Vi povas trovi plurajn verkojn pri Projekciologio. Ili proponas raciajn teknikojn por ke la individuo atingu volontajn konsciajn projekciojn, sana, disciplina. Tiu tipa enkonduko de projekcio helpas al akiro de mensklareco, rememoro de la eksperimento, sen timo de la morto, regado de la emocioj. Kaj mi proponas ankaŭ, ke oni pensu pri valoroj de la vivo, memkonado por elimino de malvirtoj kaj akiro de moralaj kvalitoj. Tio estas la plej favora por bona kontakto kaj protekto de via Spirito-Gvidanto.



# Lingvo Gutoj

**Geraldo Mattos**
www.gmverda.com.br



## Prepozicioj

La plej multaj prepozicioj ordinare akceptas post si o-vorton, kaj nur escepte i-vorton (Ekzercaro, 14:6, 41:18 kaj 9:9 kun miaj atentigoj):

[...] mi dankas vin **por** la prunto. [kun o-vorto]

Unu fajrero estas sufiĉa, **por** eksplodigi pulvon. [kun i-vorto]

Mi venas **de** la avo, kaj mi iras nun **al** la onklo. [kun o-vorto]

Ili estas *vortaj* prepozicioj, ĉar ili rilatas nur al unu sola sekvanta vorto, de kiu aliaj vortoj povas dependi:

por prunto / por eksplodigi / de avo / al onklo.

Du aliaj prepozicioj ekzistas, sed ili rilatas nur al verbo kun ĝiaj eblaj komplementoj: *anstataŭ* kaj *krom*. La verbo estas eventuale elipsata por eviti ripetiĝon, kiel en la dua ekzemplo (PIV, p. 93, sub *anstataŭ*, kaj Ekzercaro, 26:13):

[...] **Anstataŭ** babili,laboru.

**Anstataŭ** [esti donata] kafo li donis al mi teon kun sukero [...].

Ili estas *verbaj* prepozicioj, moviĝas inter la elementoj de la ĉefa verbo, funkcias kiel suplemento al ĉio restanta:

... li, anstataŭ kafo, donis al mi teon kun sukero [...].

... li donis, anstataŭ kafo, al mi teon kun sukero [...].

... li donis al mi, anstataŭ kafo, teon kun sukero [...].

... li donis al mi teon kun sukero, anstataŭ kafo [...].

La prepozicio *krom* kondutas egale.

Movimento
CADERNO COM O PANORAMA DO PROGRESSO DO ESPERANTO
ANO 8 – Nº 25 – 2010

# Simpósio de UEA em Nova York



*George Soros*

Todo ano, por volta do dia 15 de dezembro, esperantistas em várias partes do mundo relembram a data de nascimento do criador do Esperanto, L.L. Zamenhof (1859-1917) com o conhecido evento Zamenhofa Tago (Dia de Zamenhof). Tradicionalmente este evento é comemorado entre os esperantistas e muito ocasionalmente com a presença de alguma personalidade pública, como ocorreu este ano no escritório da UEA, em Nova York, Estados Unidos. Este ano o Simpósio da UEA (Associação Universal de Esperanto) apresentou a temática "De Zamenhof a Soros".

Segundo informação do representante da UEA na nas Nações Unidas, Neil Blonstein, cerca de 70 pessoas, entre as quais uma dezena de jornalistas, dez estudantes universitários, e dois membros de uma das mais famosas famílias americanas, a família Soros, participaram do Zamenhofa Tago en Nova York.

O próprio bilionário George Soros fez uma breve preleção de cerca de 10 minutos. Na ocasião, Prof. Humphrey Tonkin, ex-presidente da Universidade de Hartford e da UEA, presenteou a família Soros com o livro de Teodoro Soro, em tradução para o Esperanto feita por ele mesmo.

Dos jornalistas presentes, um era representante do The New York Times, que publicou um artigo sobre o evento em sua edição do dia 16 de dezembro.

Cerca de 15 esperantistas famosos prestigiaram o acontecimento, cuja repercussão na imprensa tem sido uma das melhores nos últimos anos.

# *Kontakto* tem novo redator




O brasileiro Rogener Pavinski foi eleito o novo redator da revista *Kontakto*, por meio de concurso público, no qual participaram mais de 20 candidatos. A decisão sobre essa escolha partiu da diretoria da Organização da Juventude Esperantista Internacional (TEJO) que edita a revista semestral em parceria com a Associação Universal de Esperanto (UEA).

Rogener Pavinski fechou contrato por dois anos como redator de *Kontakto* prometendo dar vida nova à revista e trabalhar para que ela fique mais atraente, cultural e atualizada. “Planejo muitas novidades e convido os esperantistas a participarem da criação da nova Kontakto.”

O contratado redator é conhecido no meio esperantista nacional e internacional por seu trabalho como um dos criadores do documentário Esperanto é... e como um dos membros do grupo musical *Supernova*. Além de ativista no movimento esperantista nacional, ligado à Organização da Juventude Esperantista Brasileira (BEJO), cujo órgão *Momenton!* redigiu nos anos 2004 e 2006, ele também atuou como componente da diretoria da Organização da Juventude Esperantista Internacional (TEJO) na gestão anterior (2007-2009).

A revista *Kontakto*, focada no público jovem, é lida em cerca de 90 países. Visite o sítio no endereço http://kontakto.tejo.org

# Brasil exporta livros para o México




De Brasília seguiram ontem pelos Correios cinquenta e dois livros didáticos e CDs de áudio correspondentes em língua esperanto para a Universidade Federal UABC da Cidade do México.

A escolha do material didático do Professor Josias Barboza, ***Esperanto por Lernejaj Klasoj***, para a implantação do curso regular de esperanto naquela universidade se deu após rigoroso controle técnico por parte do corpo docente do Departamento de Línguas Estrangeiras daquela instituição de ensino. Outros cursos de esperanto em outras cidades do México estão em fase de planejamento, mas já está previamente escolhido o mesmo conjunto didático a ser usado. Mais informações sobre o citado material podem ser obtidas, em esperanto, no site www.lernejajklasoj.net

*Informou: Paulo Nascentes*

# Visita de pacifistas sul-coreanos

No dia 4 de dezembro o casal de sul-coreanos An Jo Soo e Ko Kyun (Kara An e Roza, para os esperantistas) visitou a sede da Associação Paulista de Esperanto. Os pacifistas sul coreanos estão fora de casa há oito meses, em viagem por alguns países da Europa e da América do Sul. Um dos objetivos da viagem é contatar outros ativistas, para troca de experiência, e divulgar a língua internacional Esperanto, que o casal usa em manifestações públicas em seu país e no exterior.

A escolha pelo esperanto, como língua de viagem, foi uma consequência natural, após 9 anos de estudo do inglês, pelo casal, que ainda encontra dificuldades para se comunicar com outros falantes do idioma de Shakespeare, embora compreendam bem o que dizem os nativos. Outra dificuldade apontada pelo casal é a compreensão do inglês falado por pessoas que o têm como segunda língua. Com esta viagem fica cada vez mais evidente a superioridade do esperanto para comunicação entre pessoas de diferentes nacionalidades.

Kara An é redator do boletim eletrônico *La Solidareco* (A Solidariedade), que trata de temas sobre a paz e a ecologia. Por sua vez, Roza é professora de canto e dança tradicionais do seu país em uma universidade em Seul, capital da Coreia do Sul.

Antes de vir a São Paulo, o casal passou por Recife, Salvador e Rio, vindo aportar em Santos, onde os esperantistas locais, sob a orientação de Emílio Cid, agendaram uma entrevista com a redação de *A Tribuna*, na Baixada Santista. A reportagem pode ser lida no endereço <http://sapato.com.br/santos/tribuna-koreio.htm>.

O casal ficou uma semana em São Paulo e aproveitou para participar do tradicional evento de fim de ano "*Zamenhofa Tago*", ocorrido no dia 11. Na ocasião, Roza apresentou um número artístico com dança e canto tradicionais de seu país. No dia seguinte seguiram viagem rumo ao sul para conhecerem Florianópolis.

Baixada Santista A-3

**Casal sul-coreano viaja o mundo e divulga esperanto**

Um dos objetivos é trocar experiência sobre energias sustentáveis

Em viagem há oito meses, An Jo Soo e Ko Kyun já preparam um livro em coreano sobre as experiências

# Homenagens





A comunidade esperantista brasileira recebeu com alegria a notícia sobre a nomeação de Neide Barros Rêgo como Intelectual do Ano de Niterói/RJ, onde ela ministra aulas da Arte de Dizer, no Centro Cultural Maria Sabina. A cerimônia de premiação aconteceu no auditório do Centro Universitário Plínio Leite (Unipli) em 10 de dezembro de 2010.

Pela distinção, a esperantista Neide Barros foi entrevistada por dois jornais e um canal de TV, ocasiões em que surgiu a oportunidade de falar um pouco sobre o Esperanto, visto que sua participação no movimento esperantista já lhe rendeu algumas importantes premiações.

50 personalidades que ajudaram a consolidar a história da Universidade Federal de Juiz de Fora (UFJF) receberam a Medalha JK da instituição. A honraria foi entregue no dia 11 de dezembro de 2010 no anfiteatro do Instituto de Ciências Biológicas, no Campus Universitário, na Cidade Alta. Entre os homenageados, estava o ex-reitor da UFJF, Prof. Dr. José Passini, esperantista, autor do libro "Bilinguismo: utopia ou antibabel?" e ex-presidente da Liga Brasileira de Esperanto (2007-2010).

**Parabéns aos homenageados!**

# Iniciativa de sucesso




O letreiro eletrônico de acesso à ponte Rio-Niterói, no estado do Rio de Janeiro, exibiu ao longo do dia 15 de dezembro homenagem ao Esperanto. A iniciativa partiu do presidente da Associação Esperantista do Rio de Janeiro (AERJ), Walter Fontes, que escreveu à administração da Ponte uma carta narrando a importância da data. O flagrante foi fotografado pela esperantista Neide Barros Rêgo.

# Preĝo de juĝisto

**Nekonata aŭtoro**

**Tradukis:**
**Osvaldo Pires de Holanda**

Sinjoro!

Mi estas la unika estulo sur la tero al kiu Vi donis eron de Via Ĉiopovo: la povo kondamni aŭ malkondamni miajn similulojn. Antaŭ mi la personoj kliniĝas, al mia voko ili alkuras, al miaj vortoj ili obeas, al mia ordono ili kapitulacas, je mia gesto ili kuniĝas aŭ apartiĝas aŭ senposediĝas. Je mia mansigno la malliberejaj pordoj fermiĝas post la dorso de la kondamnito aŭ iam ili malfermiĝas al libereco. Mia verdikto povas aliformigi malriĉecon al bonstato kaj riĉecon al mizero. De mia decido dependas la destino de multaj vivoj. Saĝuloj kaj malsaĝuloj, riĉuloj kaj malriĉuloj, viroj kaj virinoj, naskiĝontoj, infanoj, junuloj, frenezuloj kaj mortantoj: ĉiuj estas submetitaj, ekde la naskiĝo ĝis la morto, al la Leĝo, kiun mi reprezentas, kaj al la Justico, kiun mi simbolas.

Kiom peza kaj terura estas la ŝarĝo, kiun Vi metis sur miajn ŝultrojn!

Helpu min, Sinjoro! Faru min inda je tiu sublima tasko. Ne allogu min la vanteco de la posteno, ne regu min fiero, ne tiru min la tento al malbono, ne fascinu min la honoraĵoj, nek ekzaltu min vantaj gloroj. Ŝmiru miajn manojn, zonu mian frunton, inspiru mian spiriton por ke mi estu sacerdoto de la Juro, kiun Vi kreis por la homa socio. Faru el mia talaro nekorupteblan mantelon kaj el mia plumo ne pikilon, kiu vundas, sed sagon kiu montras la vojon de la Leĝo cele al Justeco.

Helpu min, Sinjoro, esti justa kaj firma, honesta kaj pura, sobra kaj grandanima, serena kaj humila. Ke mi estu severa pri la eraroj, sed komprenema al tiuj kiuj eraris; amiko de la vero kaj gvidanto de tiuj kiuj serĉas ĝin; aplikanton de la Leĝo, sed, antaŭ ĉio, ĝia plenumanto. Neniam permesu, ke mi lavu la manojn, kiel Pilato antaŭ senkulpulo, nek ĵetu, kiel Herodo, la tunikon de malhonoro sur la ŝultrojn de premato. Ne timu mi Cezaron, nek pro timo al li mi demandu al la popolamaso ĉu ĝi preferas 'Barabason aŭ Jesuon'.

Estu mia verdikto ne arda anatemo, sed la mesaĝo kiu edifas, la voĉo kiu konsolas, la lumo kiu heligas, la akvo kiu purigas, la semo kiu ĝermas, la floro kiu naskiĝas en la amareco de la homa koro.

Ke mia verdikto portu konsolon al la afliktita kaj kuraĝigon al la persekutata; ke ĝi povu sekigi la larmojn de vidvino kaj la ploron de orfoj; kaj kiam, antaŭ la

katedro sur kiu mi sidas, defilos la ĉifonvestitaj, la mizeruloj, la marĝenigitoj sen fido kaj espero je la homoj, piedpremitaj kaj forpelitaj, kies buŝoj salivas manke de pano kaj kies vizaĝoj estas lavitaj per larmoj de doloro, de humileco kaj de malestimo, helpu min, Sinjoro, satigi ilian malsaton kaj soifon je Justeco.

Kiam miaj horoj fariĝos ombraj; kiam la erikoj kaj kardoj de la vojo vundos miajn piedojn; kiam granda estos la malbono de la homoj; kiam la flamo de malamo ekbrulos kaj pugnoj leviĝos; kiam makiavelismo kaj friponeco enŝoviĝos en la vojojn de la Bono kaj inversiĝos la reguloj de Prudento; kiam la tentanto ombrigos mian menson kaj perturbos miajn sentumojn, helpu min, Sinjoro!

Kiam dubo turmentos min, lumigu mian spiriton; kiam mi hezitos, fortikigu mian animon; kiam mi senkuraĝiĝos, konsolu min; kiam mi stumblos, protektu min. Iam, kiam finfine mi falos kaj kiel juĝato venos antaŭ Via grandanima ĉeesto, por la lasta juĝo, tiam riguardu min kompate kaj diktu, Sinjoro, vian verdikton.

Juĝu min kiel Dio, ĉar mi juĝis kiel homo.



## Belartaj Konkursoj de UEA en 2011

La Belartaj Konkursoj de UEA invitas partoprenantojn por la 62-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 96-a Universala Kongreso en Kopenhago. Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en la UK nek al membreco en UEA. La konkursaĵoj devas esti neniam antaŭe publikigitaj en ajna formo, escepte de la branĉoj Infanlibro, Filmo kaj Kanto.

La konkursaĵojn oni sendu al Belartaj Konkursoj de UEA, ĉe Michela Lipari, viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio aŭ prefere rete al <michela.lipari@tiscali.it> plej malfrue ĝis la 31-a de marto 2011.

Premioj: unua premio 240 EUR, dua premio 168 EUR, tria premio 96 EUR; Nova Talento 168 EUR; Infanlibro de la Jaro 504 EUR.

Detala regularo haveblas ĉe UEA kaj legeblas ankaŭ ĉe uea.org/dokumentoj/belartaj_konkursoj_regularo.html .

*Fonto: Gazetaraj Komunikoj de UEA n-ro 399/2010*

# Kial kaj kiel ekzameniĝi pri Esperanto



**Paulo Nascentes**

*Emerita profesoro de la Beletra Instituto/UnB*

## Enkonduko

Internacia Lingvo (ILo) estas ilo. Ne nur, sed ankaŭ ilo. Plibone dirite, internacia komunikilo. El tio venas la unua celo de ĝia lernado, instruado kaj pritaksado: norm-mezuri plejeble fidele la akiritan lingvan komunikkapablon de ĉiu lernanto. Ankaŭ estas fakto, ke oni agas laŭ diverstipa motivigo. Nepras do konsideri tiujn diversajn eblojn kaj naciskale kaj mondskale. Se estos sufiĉe bonaj motivoj por ekzameniĝi, inter brazilaj lernantoj de Esperanto, praviĝos kundiskuto de brazila ekzamentipo, ĉu tute sendepende de internacia sperto, ĉu sinergie rilate al alilandaj solvoj. Respondoj eblaj al tiu kaj aliaj demandoj gvidas ĉi artikolon. Ne necesas emfazi, ke ĝia celo estas kunigi disajn informojn pri la temo por pli taŭge diskutigi ĝin. La plej bona ekzamen-modelo por Brazilo estos kompreneble tiu, kiu kontentigos la plejparton de nia agema instruistaro kaj tiu fine agordiĝanta al niaj kulturaj trajtoj. Inviton al pli funda diskuto kaj koncerna ago celas tiu modesta kontribuo.




## Kial ekzameniĝi

Kompreneble unue venas alia demando, malfacile respondebla laŭ mia sperto. Kial brazilano sin motivigas lerni Esperanton? Konsiderante la preskaŭ sufiĉe bonan kapablon kompreni kaj sin komprenigi de brazilanoj dum konversacioj kun siaj plej proksimaj hispanoparolantaj najbaroj, kial do studi internacian komunikilon? Nur pro tio, ke ĝi supozeble estas "facila lingvo"? Ĉu nur tio estas sufiĉe bona motivigo? Alparoli niajn sudamerikajn najbarojn estas ankaŭ sufiĉe facile, kiam kompreneble ambaŭ interparolantoj decidas faciligi la interkomprenon, ĉu ne? Se tamen oni deziras ampleksigi personan amikaran reton, aŭ vojaĝi alikontinenten, eblas kompreni tiun deziron. Tiel, la lernado de Esperanto praviĝas. Inter tiuj, kiuj mem aŭ helpe de kurso lernas Esperanton, certe multaj scivolas pri sia lingvokono kaj parolkapablo post lernoperiodo. Ekzamensesioj kadre de brazilaj aŭ tutmondaj kongresoj sukcese ĉiujare okazas, kaj multaj kandidatoj kutime sin prezentas. Kadre de universalaj kongresoj tiuj eventoj konsistigas atendatan programeron kaj efektivan monkolekton por organizantoj. Aparte en eŭropa kunteksto, nuntempe, tiuj eventoj abundas, kadre de partnera laboro inter UEA/ILEI kaj Edukado.net, kiu profesinivele aranĝas menciitajn ekzamensesiojn.

## Kio estas UEA/ILEI ekzameno

Pri tiu punkto eblas trairi almenaŭ du vojojn: a) esplori fakajn publikaĵojn; b) memori personan sperton. Per tiu lasta mi komencas. Dum la 22a Printempa Semajno Internacia*[1]*, okazinta dum la pasko de 2006 en la germana urbo St. Andreasberg, gvide de ILEI/UEA, instigita de D-rino Zsófia Kóródy, estrarano de ICH - Interkultura Centro de Herzberg - *[2]*, mi decidis meznivele (laŭ la iama terminologio) ekzameniĝi. Kaj la skriba kaj la parola sesioj postuladis konojn kaj informojn pri gramatikaj punktoj (uzo de prepozicioj, de ig- aŭ iĝ-vortoj, de pronomoj), pri movada historio eŭrocentrita, pri literaturo kaj redaktado. Sukcesintoj en la skriba parto rajtis partopreni la parolan sesion. Demandis min pri similaj temoj tri komisionanoj, nome Peter Zilvar (ICH), Stefan Macgill (ILEI) kaj Zsófia Kóródy (ICH). Laŭvice, unu el ili paroligis min unue pri mia vivstilo, profesio, preferoj kaj poste pri konkretaj situacioj montrataj per bildoj. Ili ankaŭ instigis min opinii pri diversaj temoj. Kiam la demandoj temis pri E-literaturo, precipe el eŭropaj verkistoj, mi proponis komenti, anstataŭe, la poezian verkon de la konata brazila akademiano Geraldo Mattos, kaj feliĉe ili tion konsentis. Tion mi faris kaj sukcesis aprobiĝi. Malfacila estis tiam tiu ekzameno por mi. Tri jarojn poste, dum la UK en Bjalistok, mi kandidatiĝis por la nivelo C1, la supera nivelo, laŭ la nomenklaturo de KER. Tiam la novtipa ekzameno laŭ KER ekfuroris en Eŭropo. Male la antaŭan ekzamenon, tiu de la 94a UK reliefigis la kapablon kompreni kaj redakti tekstojn pri abstraktaj temoj, defendi vidpunktojn per taŭgaj argumentoj kaj analizoj. Jen bona referenco, kie eblas plibone informiĝi pri la novtipa ekzameno*[3]*.

## Kiel ĝi funkcias

Se oni komparas la antaŭan kaj la nunan versiojn, eblas konstati la emon al plia efikeco. Tio estas rezulto de normigo de tiaj lingvo-ekzamenoj en la tuta Eŭropo, laŭ instigo de Eŭropa Konsilio. "Komuna Eŭropa Referenckadro por lingvoj: lernado, instruado, pritaksado de lingvoj"*[4]* estas dokumento nepre konsultinda kaj studinda, pro ĝia tre utila enhavo. La antaŭmenciitan retejon mem ni rekte citu: *"La ekzamenoj konsistas el tri partoj: gramatika antaŭtesto, skriba parto kaj parola parto. Nur sukcesintoj en la gramatika antaŭtesto rajtas partopreni la skriban parton de la ekzameno kaj, atinginte en tiu skriba parto la sukceslimon de 60 poentoj (el 100), la parolan parton".*

Tiu sistemo, pedagogie pli moderna, fakte preterlasas la memorigon de historiaj faktoj kaj nomoj de elstaraj verkistoj, kaj reliefigas tion, kio vere gravas, "la kapablon praktike uzi Esperanton". Laŭ la sama fonto, la estraro de UEA rekomendas ke ties delegitoj *"atingu almenaŭ la nivelon de la meza ekzameno"*. Simile, laŭ la regularo pri la nova ILEI/UEA ekzameno pri instru-kapablo, *"kandidatoj devas posedi Esperanton minimume ĝis la nivelo de la meza ekzameno de ILEI/UEA"*. Tiu ĉi lasta postulo verŝajne celas mezuri unu el la plej bazaj kapabloj de ajna instruisto de Esperanto, kiu estas flue kaj kompetente paroli la lingvon. Kiun sencon povus havi la instruado de Esperanto per iu ajn nacia lingvo, anstataŭ per Esperanto mem? Kiel prepari bonajn E-parolantojn, se la instruistoj mem ne estas kapablaj bone paroli la instruatan lingvon? Memkompreneble tio koncernas al formala instruado de fremda lingvo kaj oni ne forgesu, ke Esperanto estas la dua lingvo por ĉiuj, eĉ por denaskuloj, kiuj tamen plifacile povos sisteme ellerni ĝin.

La informoj kiuj sekvas estas plejparte ĉerpitaj el la jena publikaĵo[5]: "Gvidilo al la elementa kaj meza niveloj de la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI kaj UEA (2-a eld)", Roterdamo: ILEI/UEA, 1998. Pli detalaj priskriboj – kaj specimenaj ekzamenoj – troviĝas en tiu libreto. Instruistoj de Esperanto interesataj bone prepari siajn lernantojn nepre legu pliajn detalojn ĉe la retejo[6]. Bone preparitaj lernantoj tutcerte atestos la efikecon de la instru-laboro, de la uzata metodo, de la elektita lernilo.

Nuntempe la hungara sistemo estas la subtenanto de la ekzamenoj de UEA/ILEI. Ne hazarde, ĝuste en Hungarujo multaj studentoj elektas ekzameniĝi pri Esperanto dum fakultata-porenira ekzameno. Kóródy et al. (2008) tiel priskribas la lingvan ekzamensistemon *Origo*:

*"La Centro por Perfektiĝo pri Fremdaj Lingvoj de la Universitato Eötvös Lórandn (ELTE ITK) en Budapeŝto, membro de la Asocio de Lingvo-Testistoj en Eŭropo (ELTE) adaptis sian ŝtate rekonitan unulingvan ekzamenon 'Origo' al Esperanto. Tiu ĉi lingva ekzameno konforme al la principoj de la Komuna Eŭropa Referenckadro por lingvoj (KER) testas la kvar bazajn lingvokapablojn – la aŭskultadon kaj parolkapablon, la legan komprenon kaj la skribadon –, kaj per ekzakta pritaksa sistemo informas la ekzamenantojn pri la nivelo de ilia lingvokono".*

Tiuj menciitaj kvar bazaj lingvokapabloj ĉeestu la instruplanojn de niaj instruistoj en lernejoj, kluboj, asocioj. La avantaĝoj de tiu zorgema antaŭpreparo de iliaj klasoj daŭre kaj baldaŭ ekaperos kiel bonaj rezultoj ne nur ĉe ekzamenoj, sed precipe dum konversaciaj rondoj, kaj esperantaj aranĝoj.

## Kion oni bezonas por ekzameniĝi kaj kiom ĝi kostas

Eblas nun kandidatiĝi por internaciaj ekzamenoj dum Universala Kongreso aŭ internaciaj aranĝoj okazantaj en Eŭropo gvidataj de internacia rajtigita ekzamenantaro. En kelkaj landoj ili troviĝas, nome en Argentino, Armenio, Aŭstralio, Barato, Benino, Belgio, Bosnio-Hercegovino, Brazilo, Britio, Bulgario, Burundo, Ĉeĥio, Ĉilio, Ĉinio, Danio, Ebura Bordo, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Irano, Islando, Italio, Japanio, Kanado, Korea Respubliko, Kostariko, Kroatio, Kubo, Madagaskaro, Nederlando, Pollando, Rusio, Serbio, Slovakio, Svedio, Svislando, Tajvano, Togolando, Ukrainio, Usono, Vjetnamio. En Brazilo nur prof. Aristóphio Andrade Alves Filho estas rajtigita ekzamenanto laŭ ILEI/UEA.

Tiel legeblas ĉe la paĝo jam menciita de Edukado.net:

*"Laŭ Artikolo 8 (c) de la Principa regularo, "Ekzamenotoj devas pagi ekzamenan kotizon, egalan al 60% de M.A.-kotizo de UEA por la loĝlando de la kandidato". Kutime estas rabato por fruanoncitoj kiuj volas ekzameniĝi kadre de UK. Tiuj kiuj volas ekzameniĝi kadre de UK devas anonci sin al la sekretario de IEK. Tiuj kiuj volas ekzameniĝi kadre de aliaj aranĝoj devas anonci sin al la instanco kiu okazigos la koncernan ekzamensesion. Ĉiuokaze, la kotizo estas pagenda ĉe la enskribiĝo".*

## Kiel marŝas landaj Esperanto-ekzamenoj

Ĉiu aparta lando rajtas difini sian ekzamensistemon laŭ sia bontrovo. Tio kompreneble devas esti tasko interkonsentita de ĝia instruistaro, laŭleĝe kaj laŭ specifaj kulturaj trajtoj. Ne eblas supozi, ke ĉiuj sistemoj estu egalaj, eĉ en Eŭropo, kies landoj tiom malegalas unu la alian, tio ne

okazas. En Ameriko, Afriko aŭ Azio tutcerte la landanoj kaj edukaj aŭtoritatuloj difinos propran sistemon. Tio estas fakto. Tamen, nenio malpermesas sperto-interŝanĝon inter diversaj nacioj, ĉefe se oni konsideras, ke per Esperanto mem tiu internacia kunlaboro restas ege faciligata.

Studemuloj pri tiu temo esploru mem pri la internacia situacio ĉe la bonkvalita paĝaro http://www.edukado.net, kiu ankaŭ petas de ĉiuj interesatoj *"kolekti informojn pri la enlandaj ekzamensistemoj pri Esperanto"*. Kaj ĝi tiel daŭrigas:

*"La listigitaj sistemoj povas esti movadaj kaj ŝtataj. Ni klopodas publikigi la regulojn kaj priskribojn de la ekzamenoj kaj nelastkaze ankaŭ ekzamenspecimenojn. Se en via lando ekzistas ekzamensistemo kaj ĉi tie vi ne vidas ĝian priskribon, bonvolu kontakti la* ***redaktoron*** (de la retejo, mi klarigas) *kaj helpi akiri la informojn".*

Spite al diverstipaj malfacilaĵoj, en Brazilo tradicie Brazila Esperanto-Ligo – BEL, pere de sia Eduka Komisiono, okazigas ĉiujare ekzamensesiojn dum Brazilaj Kongresoj de Esperanto, danke al la voluntula laboro de kelkaj esperantistoj. Eblas al ĉiuj do kandidatiĝi kontraŭ modesta monpago, kiu tamen nur helpas la okazigon mem de la ekzamensesio: testpresigo, oficejaj elzpezoj. Kiel fojfoje anoncite, kelkaj regionaj aranĝoj sin proponas okazigi ekzamensesiojn, kies atestiloj tamen nur validas se rajtigitaj de la Eduka Komisiono de BEL. Tiaj partneraj iniciatoj sendube bonvenos, malgraŭ ĝia malfacileco se oni konsideras la kontinentan dimension de nia lando!

## Kiun vojon elektos BEL (Eduka Komisiono) kaj ILEI – Brazila Sekcio

Sendepende de la elektita vojo de ĉiu aparta instanco, laŭ apartaj statutaj dispozicioj kaj celoj, sendube la sukceso de tiu grava eduka entrepreno dependos de interkonsentota kaj partnera agado. Pro ĝia centjara sperto kaj enlanda pozicio, BEL*[7]* devos kunordigi la naciskalan ekzamensistemon. La rolo de partneroj de BEL estos des pli utila, se ili ne estos flanka, sed efektive kunlabora. Neniu konscienca estrarano de iu ajn Esperanta instanco volos izolite labori, kiam oni scias, ke la plej bonaj rezultoj devenas de interkonsentita ago de multaj homoj.

Kompreneble, rilate al BEL, tio ne signifas nur la malmultajn homojn, kiuj deĵoras en la Centra Oficejo de BEL, alfrontante malfacilajn administrajn ĉiutagaĵojn, sed ankaŭ bone kunordigitan delegitan reton. Kompreneble estraranoj de E-kluboj, ŝtataj asocioj estas ja partoprenantaj membroj de tiu nacia reto. Konscienca estrarano de BEL ankaŭ ne laĉiĝos ĝis ŝi/li sukcesos motivigi la entuziasman partoprenon de junularo plena je potencialo. Kiom da anoj de BEJO, ekzemple, studas Beletron aŭ ĵus fariĝis licenciitaj lingvoinstruistoj? Ĉu tiuj datumoj estas konataj de BEL kaj de nia E-komunumo? Ĉu eblas esplori kaj koni tiun realon danke al perreta enketo aŭ alimaniere? Se fakte la kunordiga rolo de BEL (oni legu de BEL-Edukakomisiono kaj de BEJO) estas centra, kiu estas la rolo neniel flanka de ILEI – Brazila Sekcio? Kara leganto, stariĝu el via komforta seĝo, trinku iomete da akvo, kaj venu malfermkore al tiu diskuto! Pli ol tio, venu al nia nepra kongrua ago post simila pripenso: *"kiel mi povas helpe kontribui al BEL kaj Brazila Sekcio de ILEI por starigo de nacia ekzamensistemo, tamen kapabla atingi ĉiun brazilan regionon?"* Aliloke, legeblas: *"El tiuj fakaj sugestoj ni alvenu al niaj propraj konkludoj kaj ĉefe ni*

*tuj ekstarigu seriozan trejnprogramon por niaj instruistoj kadre de ĉiu ŝtata Asocio de BEL – Brazila Esperanto-Ligo, kiel nialanda UEA kunlaboranto"*[8]. Tiu temaro eniru la tagordon de ĉiu aparta E-klubo, ŝtata asocio, Esperanta grupo, kaj ĉiu ano diskutigu tiun temon, produktu kaj publikigu raporton, artikolon kun bonaj sugestoj kaj planoj akompanataj tamen de detala tabelo de kiom da horoj ŝi/li povos dediĉi al tiu laboro. Trankviliĝu, kara junulo, kara pensiulo! Ne hazarde mi skribis la vorton *"laboro"*, sed ne la vorton *"misio"*. Ĉu vi scias (kaj mi konscias pri tio, ke mi tuŝas tiklan temon en Brazilo...), ke kreskanta nombro da eŭropanoj ĉimomente fake kaj profesie laboras ĝuste kiel instruistoj de Esperanto, kiel profesoroj de tiuj instruistoj kaj eĉ kiel profesiaj trejnitaj ekzamenantoj? Ĉu vi dubas pri tio? Vi certe rajtas dubi pri tio, sed eble ne post rapida esploro ĉe kelkaj menciitaj retejoj je la fino de ĉi artikolo. Ekzemple, ĉu vi scias ion pri la eblo esti stipendiata de *ESF – Esperantic Studies Foundation* [9] – por trejniĝi kaj diplomitiĝi kiel Esperanto-instruisto? Ne? Bonvolu konsulti la koncernan retejon listigitan sube. Vidu, karulo, karulino, vi certe nur bezonos stipendion, ĝuste pro tio, ke via studperiodo en Pollando, ekzemple, estos kontraŭpaga. Vekiĝu, amiko, vekiĝu, amikino! Niaj gefratoj eŭropaj kaj nordamerikaj ne estas ludantaj. Ili serioze kaj profesie postulas monon por kursoj de ili gvidataj. Vekiĝu, gejunuloj de ĉiuj aĝoj, vekiĝu kaj agu!



[1] Cf. http://www.esperanto.de/psi/psi

[2] Cf http://ic-herzberg.de/esperanto/index.html

[3] Cf. http://www.edukado.net/pagina/ILEI-UEA+Ekzamenoj/150//

[4] Cf. http://eo.wikipedia.org/wiki/Komuna_e%C5%ADropa_referenckadro

[5] *"Gvidilo al la elementa kaj meza niveloj de la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI kaj UEA (2-a eld)"*, Roterdamo: ILEI/UEA, 1998.

[6] Cf. http://www.edukado.net/pagina/Priskriboj/1536//

[7] http://esperanto.org.br/p/

[8] Nascentes, P. 2009.

[9] http://esperantic.org/eo

## Referencoj


KÓRÓDY, Z. et al. *Esperanto de nivelo al nivelo*: lingva ekzameno *Origo.* Budapest: Idegennyelvi Továbbképző Központ, 2008.

KOUTNY, I. *Angla-Esperanta-Hungara etvortaro pri Lernado kaj Laboro.* Poznań: ProDruk, 2002.

KOVÁTS, K. (redaktoro) et al. 2ª eldono. *Manlibro pri instruado de Esperanto: projekto "Flugiloj de Malfacila Vento"* Hago, Nederlando: ILEI: E@I, 2005.

NASCENTES, P. "Komuna Eŭropa Referenckadro: ĉu finfine internacia sistemo por lingvaj ekzamenoj?" In: Brazila Esperantisto, 100-a jaro, n-ro 334, julio 2009, p. 5-7.

UEA – UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO. KONSILIO DE EŬROPO. *Komuna Eŭropa Referenckadro por lingvoj:* lernado, instruado, pritaksado. Rotterdam: UEA, 2007.

# Kontakto sub nova redaktisto



La brazilano Rogener Pavinski elektiĝis kiel nova redaktisto de la revuo Kontakto per publika konkurso, en kiu partoprenis pli ol 20 kandidatoj. Pri tiu elekto decidis la estraro de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo), kiu partnere kun UEA (Universala Esperanto-Asocio) kuneldonas la ses-monatan publikigaĵon.

Rogener Pavinski estis elektita kiel redaktoro por du jaroj kaj, laŭ liaj postelektaj komentoj, li "strebos doni novan vivon al la revuo kaj labori, por ke ĝi estu pli alloga, kultura kaj freŝtema. Mi planas multajn novaĵojn kaj invitas la esperantistojn partopreni en la kreado de la nova Kontakto".

La kontraktita redaktisto estas konata en la enlanda kaj alilanda esperantistaj medioj ĉefe pro sia agado kiel kunkreinto de la filmo Esperanto estas... kaj kiel ano de la rokbando Supernova. Krom ano de BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo), kies organon Momenton! li redaktis inter la jaroj 2004 kaj 2006, li partoprenis en la estraro de TEJO) de 2007 ĝis 2009.

La revuo Kontakto estas legata en ĉirkaŭ 90 landoj kaj ĝia atento sin direktas al la junula publiko.

La refasonita Kontakto povas esti elŝutebla senpage. Vizitu la retejon de la revuo por legi la instrukciojn:

http://kontakto.tejo.org/2010/12/nova-revuo-kontakto-nun-libere.html






# Vizito de sudkoreaj pacmovadanoj





Decembre vizitis la sidejon de la asocio la korea paro An Jo Soo kaj Ko Kyun (Kara An kaj Roza, por la esperantistoj). La sudkoreaj porpacaj aktivuloj estas for de sia hejmo jam de ok monatoj. Ili rondvojaĝas kelkajn eŭropajn kaj sudamerikajn landojn kun la celo interŝanĝi spertojn kun aliaj pacmovadanoj kaj krome diskonigi la internacian lingvon Esperanto, kiun la paro multe uzas okaze de publikaj manifestiĝoj sialande kaj alilande.

La elekto de Esperanto, kiel vojaĝolingvo, estis natura konsekvenco, post 9 jaroj da studo de la angla fare de la paro, kiu ankoraŭ trovas malfacilon komunikiĝi kun aliaj parolantoj de la angla, kvankam ili bone komprenas ilin. Alia baro spertita de la paro estas la kompreno de la angla parolata de nedenaskulo. Per tiu rondvojaĝo, evidentiĝas la supereco de Esperanto por komunikado inter malsamaj nacianoj.

Kara An redaktas la periodaĵon La Solidareco, kies ĉefaj temoj estas monda paco kaj ekologio, kaj siavice Roza instruas tradiciajn kanton kaj dancon en universitato de Seulo, ĉefurbo de Suda Koreio.

Antaŭ ol veni al San-Paŭlo, la paro vizitis la urbojn Recifo, Salvadoro kaj Rio; poste ili albordiĝis en la havena urbo Santos, kie la lokaj esperantistoj, sub la gvido de Emílio Cid, aranĝis intervjuon kun la paro por tiea gazeto.

Kara An kaj Roza restis unu semajnon en San-Paŭlo kaj kaptis la okazon reviziti la asocion en la Zamenhofa Tago. Tiam Roza regalis la ĉeestantojn per prezento de koreaj tradiciaj kanto kaj danco. La sekvan tagon la ge-koreoj ekiris al la suda parto de Brazilo por viziti la urbon Florianopolo.

La esperantisto Emílio Cid, kiu aranĝis intervjuon en gazeto por la korea paro, proponas gazetaran kampanjon ĉirkaŭ **Pasaporta Servo**. Laŭ li, la ago estas simpla, sed tre fruktodona: *"Se iu PS-ano gastos ĉe vi, sendu noteton pri tiu vizito al la gazetaro de via regiono. Se vi loĝas en granda urbo, sendu preferinde al la gazetaro de via kvartalo. Plej verŝajne tio rezultos en bona reklamo por esperanto kaj por via loka grupo. Se ne estas kursoj en via urbo, simple indiku ww.lernu.net"*, li klarigas. Ekzemplo de tia agado en lia urbo videblas per la ligilo: http://sapato.com.br/santos/tribuna-koreio.htm

Ankaŭ filmeto estas spektebla ĉe: http://youtu.be/kEQAdcfTK18

# De Zamenhof al Soros en Novjorko

Fonto:

*Gazetaraj Komunikoj de UEA*
*n-ro 405/2010*



De maldekstre: Sam Green, Ralph Dumain, Humphrey Tonkin,

"De Zamenhof al Soros" estis la titolo de la ĉi-jara simpozio organizita de la Novjorka Oficejo de UEA. Tiu oficejo, kies ĉefa tasko estas prizorgi la rilatojn de UEA kun la ĉefsidejo de Unuiĝintaj Nacioj, ĉiujare organizas publikan aranĝon okaze de Zamenhof-tago la 15-an de decembro.

Temis pri historia trarigardo de la komenca periodo de Esperanto, organizita por rekoni du novajn librojn: anglalingvan biografieton de Zamenhof - mallongigitan version de la granda biografio verkitan de Aleksander Korĵenkov antaŭ duo da jaroj – kaj nove tradukitan libreton de Tivadar Soros, kiu unue aperis en la jaro 1923.

La konata fakulino Esther Schor, profesoro ĉe la Universitato Princeton, rekonis la ligon kun Zamenhof per sia prelego pri "Zamenhof kaj estonteco", en kiu ŝi ekzamenis la koncepton de la kreinto de Esperanto pri la estonteco de la homaro kaj la rolo de Esperanto en tiu kunteksto.

La finan punkton en la periodo 1887-1923 traktis Humphrey Tonkin, la tradukinto de la verko de Soros, *Modernaj Robinzonoj*, kiu estis lanĉita en la simpozio. Tiu verko, nomata Crusoes in Siberia en sia angla versio, pritraktas la spertojn de la juna armea oficiro Tivadar Soros en militkaptitejo en Siberio dum la Unua Mondmilito, kaj lian postan eskapon. Eldonis ĝin la eldonejo Mondial, kun notoj kaj enkonduko de la tradukinto. Tonkin ankaŭ tradukis la libron de Soros pri la Dua Mondmilito, *Maskerado*. Li mem renkontis Tivadar Soros en kunveno en la aŭditorio de la UN-biblioteko en 1966, dum prelego de Ivo Lapenna. "Sed je tiu stadio mi ankoraŭ ne legis la libron", li konfesis, nek li povis prognozi, ke la filo de Tivadar tiel famiĝos. Alikaze, li ŝerce sugestis, "la konversacio estus tute alia".

La mezan parton de la simpozio okupis du programeroj. La historiisto Ralph Dumain ekzamenis la grandan gazetaran reagon okaze de la vizito de Zamenhof al

la Universala Kongreso en Vaŝingtono en 1910, kaj la filmisto Sam Green montris malnetan version de sia dokumenta filmo pri Esperanto. Sam Green estas jam konata inter esperantistoj pro sia filmo *Utopio en kvar movimentoj*. La nova, 25-minuta, filmo rilatas ekskluzive al Esperanto kaj estas ĉefe produkto de la filmado, kiun Green faris en kelkaj lastatempaj Universalaj Kongresoj.

Sed la plej granda surprizo estis parolado, kiu ne troviĝis en la antaŭvidata simpozia programo, nome tiu de la konata financisto George Soros, kiu, kune kun pluraj stabanoj (kaj ankaŭ sia filo Jonathan), venis al la fina parto de la simpozio por kune festi la lanĉon de la anglalingva traduko de la libro de sia patro Tivadar. Soros, kiu ne estas en si mem subtenanto de Esperanto, sed kiu pasie emfazas la patran influon en la propra edukado, parolis dum deko da minutoj pri Tivadar Soros kaj ankaŭ pri la rolo, kiun Esperanto ludis en la propra vivo. Kiam li venis al Britujo en 1947, Soros tuj kontaktis la lokajn esperantistojn, kiuj multe helpis al li. Li ankaŭ memoras renkontiĝojn kun Esperanto-literaturistoj en la frua infanaĝo.

George Soros kaj la frato Paul kontribuis antaŭparolojn al la nova libro de la patro. Por la eldonejo, Ulrich Becker prezentis la libron al Soros; kaj Tonkin laŭtlegis parton de ĉapitro el *Maskerado* en la angla traduko.



# Subtene

## Volontula Fonduso

De multaj jaroj la deĵoroj en la sidejo de EASP ne estis kompletaj pro manko de volontuloj. Tio konsistigis unu el plej daŭraj zorgoj de la gvidantaro de la asocio. Fine de julio 2010, danke al mondonaco de asociano, kiu devontigis sin subteni du deĵorantojn dum du jaroj, kreiĝis la Volontula Fonduso de EASP. Du monatojn poste, plia asociano aliĝis al la fonduso per egalvalora monata kontribuo ĝis februaro 2012. Per tiu fonduso la asocio garantias monhelpon por tri deĵorantoj, nuntempe. Sekve, deĵoroj okazas normale en ĉiuj tagoj de la semajno, de la 14h ĝis la 18h. Pro la reformo en la sidejo de EASP, baldaŭ novaj servoj ekfunkcios en la asocio kaj tio postulos la ĉeeston de pliaj deĵorantoj, parte subtenataj de tiu fonduso. Al la monataj subtenantoj niajn korajn dankojn!

## Reformo en la sidejo

Ni restas kore dankemaj ankaŭ al ĉiuj kiuj iel kontribuis al la reformo en la sidejo de la asocio. Sekvas sube la distribuo de la elspezoj inter la monatoj julio kaj decembro 2010.

| | Julio | Aŭgusto | Septembro | Oktobro | Nov/Dec | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Masonisto | 1.750,00 | 160,00 | | | | 1.910,00 |
| Vitristo | 1.800,00 | 1.900,00 | | | | 3.700,00[1] |
| Plankotegisto | | 2.730,00 | | | | 2.730,00[1] |
| Materialo | 1.182,88 | 3.358.78 | 64,90 | 40,50 | 298,24 | 4.945,30 |
| Laborilaro | 320,80 | 37,50 | 103,30 | | | 461,60 |
| Transporto[2] | 470,00 | 237,00 | 250,00 | | | 957,00 |
| Lunĉo | | 30,74 | | | | 30,74 |
| Meblaro | | 6.616,90 | 2.952,00 | | | 9.568,90 |

*24.303,54*

Saldo por januaro: **2.696,46**

*(1) Tiu ĉi sumo inkluzivas la materialon kaj laboristan pagon.*
*(2) Transporto de materialoj, busbiletoj kaj ankaŭ luo de rubo-kontenero*

# *Esperanto por lernejaj klasoj*

Volumoj 1 kaj 2




***La kompleto (2 libroj kaj 2 KD-oj)***
***R$ 100,00 [+ sendokostoj]***







Paroliga kolorilustrita lernilo kun 25 lecionoj kaj ekzercaro
verkita de Josias Barboza kaj eldonita de Unio Planeda/Brazila E-ligo

Libroservo@easp.org.br

# 8a TAKE (Tutamerika Kongreso de Esperanto)
# 46a BKE (Brazila Kongreso de Esperanto)
# 31a BEJK (Brazila Esperantista Junulara Kongreso)

de la 9a ĝis la 14a de Julio 2011

San-Paŭlo - Brazilo



## Procezoj de regiona integriĝo en la amerika kontinento: la rolo de Esperanto







www.kongreso2011.org

**Kongresejo:**
Faculdade Santa Marcelina (FASM), Unidade Perdizes, Rua Dr. Emílio Ribas, 89



Amerika Komisiono de UEA



Brazila Esperanto-Ligo




Ŝtata agentejo pri turismo

easp

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo